# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
9-a jaro N-ro 4 (35) decembro 2010

NOVAĴO

## Pripenso de Germain PIRLOT



S-ro Germain Pirlot el Belgio estas vaste konata kiel la elpensinto de la nomo de Eŭro (€) por la nova monounuo de Eŭropa Unio. La esperantistoj fieras pro tio, ĉar li estas esperantisto, kaj eminentaj laboranto kaj kontribuanto al Esperanto kaj ĝia movado. Li ne nur organizis varbadon por Esperanto ĉe anoj de la Eŭropa Parlamento kaj fondis premion, kiu subtenas sciencajn verkojn en Esperanto, sed ankaŭ multjare kolektis kaj publikigis informojn pri simpati-esprimoj de politikistoj pri Esperanto kaj pri E-kursoj oficiale organizataj en universitatoj kaj altlernejoj.

S-ro Pirlot estas forta subtenanto de la projekto Ĝemelaj Urboj. Li ofte diskonigas ĝin al siaj konatoj, nemalmultaj legantoj de Informilo de Ĝemelaj Urboj estas rezulto de liaj laborado kaj penado. En la antaŭparolo de la 14-a kompilado pri E-kursoj oficiale organizataj en universitatoj kaj altlernejoj li havas al la projekto pli klaran esprimon: Mi esperas ke tiu dokumento iom helpos por pli-, plu-veki intereson pri Esperanto i.a. en universitataj medioj. Fakte la celo de tia kompilado estus helpi al ekrilatoj, preferinde fakaj, inter tiuj universitatoj kaj altlernejoj, kie estas organizataj kursoj.

Mi ja esperas ke la ĉefa celo de tiaj kursoj ne estus nur varbi novajn zelotojn de Sankta Ludoviko!

Pro tio endus, laŭ mi, atente pripensi jenan sugeston de S-ro WU Guojiang, t.e. ĝemeligi superajn lernejojn kie estas E-kursoj, por plej diversaj celoj, ĉefe fakaj. Komisiito pri la projekto Ĝemelaj Urboj , s-ro Wu jam plurjare bonege kunlaboras por kompiladi E-kursojn en Ĉinio.

La redaktoro speciale aranĝas en ĉi-numero la pripenson de Pirlot por ĉefe esprimi tri tavolojn. Unue kolektado kaj kompilado de informoj pri E-kursoj oficiale organizataj en universitatoj kaj altlernejoj estas valora laboro. Ĝi ankaŭ kreas eblecon por kunlaboro kaj ekrilato allogi multajn studentojn al Esperanto-lernado. Oni devas subteni la daŭrigon de tiu ĉi laboro. Due ĝemeligi superajn lernejojn estas unu el efikaj vojoj akceli interfluon de ĝemelaj urboj kaj fundamentigi interurban ĝemeliĝon. Trie kunlaboro bezonatas inter la diversaj Esperanto-organizaĵoj por komuna evoluo kaj progreso.

**La redaktoro**

## Kunsido de Ĝemelaj Urboj en la 6-a EKNOIMĈ

Esperanto-Kongreso de Nordoriento kaj Interna Mongolio de Ĉinio (EKNOIMĈ) estas la plej grava kaj influa transregiona aktivado en la nuna Ĉina Esperanto-Movado. Ĝi originis el la Nordorienta Ĉina Kongreso de Esperanto, kiun Liaoning-provinca Esperanto iniciatis kaj kune organizis kun Jilin-provinca Esperanto-Instituto kaj Heilongjiang-provinca Esperanto-Asocio en 1997. De la 20-a ĝis la 22-a de aŭgusto 2010 en la plej granda landlima urbo Dandong (najbare al la norda Koreio), en Liaodong-a Universitato, okazis la 6-a EKNOIMĈ kun temo: “Instruado kaj Aplikado de Esperanto”, kaj 155 partoprenintoj el 11

provincoj, 3 municipoj kaj 1 aŭtonoma regiono kaj el la suda Koreio, Japanio kaj Usono, i.a. S-ro SASAKI Teruhiro, nova prezidanto de KAEM.

Ĝemelaj urboj oficiale eniris en la kongreson per kunsido-formo, sed ne antaŭe kiel parola temo en aliaj kunsidoj. Je la 15:30 -17:30, la 21-a de aŭgusto en la kongresejo la komisiito prezidis la kunsidon kaj unue prezentis la projekton Ĝemelaj Urboj de UEA per Powerpoint. La prezentado entute estis dividita en tri partojn, t.e. UEA kaj ĝemelaj urboj, fondo kaj evoluo de la projekto, kaj novaj konsideroj al nova laborplano. Sekve s-ro PENG Zhengming, prezidanto de Donghu-a Esperanto-Muzeo el la provinco Hubei, rakontis interŝanĝon de esperantistoj inter Wuhan kaj la ĝemelurboj Oita (Japanio) kaj Duisburg (Germanio), klopodadon por esperantistoj en Francio serĉi samideanojn en sia ĉina ĝemelurbo Kaifeng, kaj intencon ĝemeligi la urbon Honghu de la provinco kun iu ĉelaga urbo en Francio. S-ro LI Shijun, membro de Akademio de Esperanto, dufoje faris paroladojn, kiuj substrekis siajn starpunktojn: ĝemeligo de diverslandaj urboj estas afero entrepreninda por realigi la noblan idealon de Esperanto. Estas konsiderende altiri atenton de la nesperantistoj al la projekto, resumi spertojn kaj ofte okazigi seminariojn estas utila al la evoluo de la projekto. Lige al Esperanto-instruado Prof. Ronald GLOSSOP el Usono, eksa vic-prezidanto de ILEI, donis sian paroladon. Ĝin ĉeestis pli ol 20 kongresanoj, inkluzive de s-ro ZHAO Jianping, vic-prezidanto de ĈEL kaj la estro de la Esperanto-sekcio de ĈRI, s-ro HORI Yasuo el Japanio, eksaj prezidanto de KAEM kaj estrarano de UEA, s-ro ZHU Mingyi, eksa vic-ĝenerala sekretario de ĈEL, s-ro HOU Zhiping, eksa direktoro de la redakcio de la Esperanta gazeto EL Popola Ĉinio, raportistinoj WANG Weishi, CHEN Ji，JIN Chenxi el ĈRI kaj El Popola Ĉinio ktp. La komisiito respondis demandojn levitajn el ili. S-ino Chen Ji el menciis la kunsidon en sia raporto. Oni mirinde vidis ke forta Esperanto-etoso regis sur la kunsido. (sur fotoj: la komisiito, la komisiito kaj s-ro Li Shijun, s-ro Peng Zhengming kaj Prof. Ronald Glossop)



Foto: HOU Zhiping

## Libro-donacoj de la kongresanoj

Probable pro entuziasma subteno al la projekto, aŭ pro sincera esprimo de amikeco al la komisiito nemalmultaj partoprenantoj de la 6-a EKNOIMĈ donis altan takson al la agado de ĝemelaj urboj.




S-ro LI Sen, 88-jara esperantisto, longe dediĉas sin al la Esperanto-movado en Interna Mongolio kaj en la ĉinaj fervojiistoj. Post kiam li emeritiĝis, li prenas la tutan tempon kaj energion al Esperanto. En la lastaj jaroj li memkotize eldonis multajn valorajn Esperanto-publikaĵojn. Ĉi-foje li speciale preparis por la kongreso tri

volumojn da grandaj libroj “Ni Agadas en Esperantujo” (1634p. 260×185mm) kaj donacis ilin al parto da kongresanoj. Antaŭ la kunsido la komisiito honore ricevis ilin.



Profesoro LIU Xiaojun el la provinco Shandong longe persistas en Esperanto-instruado kaj Esperanto-aplikado, ekz. li enkondukas kaj instruas Esperanton kiel nedevigan studobjekton en Shandong-a Universitato pli ol 20 jarojn, faris per Esperanto dek naŭ prelegojn pri Konfuceo, kaj aldonis pluan brilecon al amikeca interŝanĝo inter la oficiala ĝemela paro Shandong kaj Bretonio en Francio per lia sukceso: subskribi la ĉarton de ĝemeliĝo inter Shandong-a Esperanto-Asocio kaj Federacio Esperanto Bretonio. Ĉi-foje li speciale kunportis lian libron “Kvindek du tagoj en Esperantujo”, kiu prezentiĝis en n-ro 28 Informilo de Ĝemelaj Urboj, kaj post la kunsido donacis al la komisiito. Ĉi tie la komisiito kore dankas s-ron Li kaj Prof. Liu kaj tiujn samideanojn kiuj longe subtenas la projekton kaj faris/as kontribuon al ĝia evoluo.

## URBESTRO KAJ ESPERANTO

### Esperanto, amikeca ponto

Invitite de Esperanto-organizaĵoj de la japanaj ĝemelaj urboj Takatsuki kaj Tokorozawa, nome de Esperanto-Societo en Takatsuki (EST) kaj Tokorozawa Esperanto-Rondo (TOER) la 5-persona delegacio de la ĉina Changzhou-a Esperanto-Asocio (CEA) faris viziton al la du urboj inter la 15-a kaj 20-a de julio 2010.

En Takatsuki sub detala aranĝo de s-ro Ukita Masaharu, prezidanto de EST kaj s-ro NAKATU Masanori, vic-prezidanto de EST, la delegacio vizitis infano-ĝardenon, elementan lernejon, Kansajan Universitaton, Fruan Infano-Centron ktp. En Yosumi Elementa Lernejo, kiu pro Esperanto ĝemeliĝas kun Dongfang Elementa Lernejo en Changzhou 21 jarojn, s-ro Takashi Nishida, estro de lernejo, enkondukis la delegacion al la lerneja spaco, aranĝis intervidiĝon kun instruistoj kaj lernantoj, eĉ tagmezmanĝon kune kun la lernantoj. Tie la delegacio sufiĉe spertis la japanan fundamento-edukon. S-ro Watanabe Yasuyuki, juna vic-urbestro, akceptis la delegacion. Ankaŭ intervidiĝon, interŝanĝon kaj viziton akompanis kaj partoprenis urba parlamentanino, oficistoj pri eduko kaj pri eksteraj rilatoj.

Kvankam Tokorozawa kaj Changzhou ĝemeliĝas 18 jarojn, tamen interŝanĝo inter Esperanto-organizaĵoj de la du urboj vere komenciĝis de tiu ĉi vizito. Profesoro Mizuno Yoshiaki, prezidanto de TOER, kaj aliaj estraranoj persone renkontiĝis kun la delegacio ĉe la stacio de Tokio de Rapida Trajno. Sub ilia konduko la delegacio vizitis la Japanan Esperanto-Instituton, kunsidis kun tieaj esperantistoj inkluzive de esperantisto el Danio je temoj: Esperanto-instruado, la Esperanto-movado kaj kulturo ktp. Tra komunikado kaj penado de s-ro Nakatu, s-ino Yoshiko Tōma， urbestrino de Tokorozawa, speciale akceptis la delegacion, kaj mirinde kaj ĝojinde faris ĉe la bonvena ceremonio varman paroladon en

Esperanto.

Tiu ĉi vizito realigas akcelon de amikeco kaj intenson de interŝanĝo, kaj plie reliefigas fieligas pozitivan rolon de Esperanto en ĝemelaj urboj.

Laŭ raportoj de Nakatu Masanori kaj
la retejo de CEA http://www.czea.js.cn/





vic-urbestro kaj la delegacio En Yosumi Elementa Lernejo urbestrino kaj la degacio

## Agadoj de Gerhard WALTER



Inter la 8-a kaj 10-a de oktobro 2010 en Herzberg, Esperanto-urbo, grava kunveno, plukleriga seminario por Esperanto-instruistoj okazis kunlabore kun ILEI por trakti instrumetodikajn temojn, trarigardi diversajn EU-projektojn kaj subvencieblojn. La partoprenantoj el 8 landoj bone kunlaboris kun la prelegantoj, grupgvidantoj: Stefan MacGill, Radojica Petrovic, Zlatko Tisljar, Zsófia Kóródy kaj Peter Zilvar. Dum la praktika okupiĝo pri projektoj ekestis konkretaj planoj por internacia kunagado inter mezlernejoj kaj ideoj por helpi Esperanto-instruadon en universitatoj. Poste okazis la somera renkonto de ĝemelurbaj infanoj el Góra (PL) kaj Herzberg (DE). La priparolojn partoprenis 2 polaj koleginoj.

Ankaŭ kunsidis la estraro de ILEI. La urbestro de Herzberg, Gerhard Walter, vizitis la renkonton kaj salutis la partoprenantojn. Kiel la ĉefo de la estraro li persone gvidas "Fondaĵo Esperanto-urbo Herzberg", kiu estis fondita en la 3-a de decembro 2010. Por prezenti la celojn de la fondaĵo li invitis politikistojn, estrojn de lernejoj, oficistojn, estrojn de kulturasocioj kaj esperantlingvajn gastojn. Harald Mantz, Brian Moon (Luksemburgio), Otto Kern kaj Dirk Brömme eniras en la estraron, Marika Frense, Zsófia Kóródy, Ursula Zilvar, Detlev Blanke, Gian Carlo Fighiera (Italio), Rudolf Fischer, Stefan MacGill (Hungario), Wilfried Hinrichs, Michael Nienstedt, Harald Schicke, Gerhard Steiling kaj Peter Zilvar fariĝas membroj de la unua kuratoraro. Nuntempe la baza kapitalo atingis 30.000 €. La aldona foto elmontras tiun okazon.

Zsófia Kóródy kaj Peter Zilvar

## Honormedalo de la urbo




Komence de julio de 2009 s-ino SHI Xueqin (Negheta), vic-prezidanto de Zhenjiang-a Esperanto-Asocio kaj instruistino de Baotalu Elementa Lernejo en Ĉinio, ricevis leteron skribitan en la franca lingvo kun fajna medalo. Tra traduko de sia edzo, franca esperantisto, kiu longe loĝas en la urbo, ŝi mirinde kaj ĝoje sciis ke s-ro Philippe NIVELLE, urbestro de Moûtiers, petis ŝin transdoni tiun leteron al s-ino WANG Ping, vic-urbestrino de Zhenjiang. Tiu medalo estas honormedalo de la urbo, kiun la urbodomo de Moûtiers decidis disdoni al s-ino Negheta pro ŝia kontribuo al la agado ke okazis la Esperanta videokonferenco inter la du urboj en la 2-ade majo 2009. En Ĉinio tiu agado estis aranĝita en la lernejo kie Negheta laboras kaj instruas Esperanton 16 jarojn. En Moûtiers okazis la Esperanto-kongreso de la regiono Rhône-Alpes. Tial la agado precize okazis inter la lernantoj kaj la kongresanoj. Siatempe iu vic-urbestrino de Moûtiers spertis la agadon kaj emociiĝis pro tio. Ŝi promesis sendi al Negheta honormedalon de la urbo kaj petis, ke oni ceremonie donu ĝin.

La 26-an de decembro 2010 koncerna departemento de Zhenjiang okazigis la solenan ceremonion dediĉitan al tiuj, kiuj havis valorajn agadojn dum la jaroj 2009 kaj 2010. Ĉar la agadoj de s-ino Negheta favoraj al Esperanto, paco kaj amikeco inter popoloj estis rimarkitaj, ŝi honore ĉeestis la ceremonion kaj tie oficiale transprenis tiun medalon. ( Sur fotoj: urbestro Philippe NIVELLE, medalo kaj s-ino Negheta)

## Inter ĝemelaj urboj

### Neatendita peto

Kiel oni bone scias Takatsuki en Japanio kaj Changzhou en Ĉinio estas ĝemelaj urboj. La 24-an de marto venis reta mesaĝo de s-ro ZhANG Changsheng, la prezidanto de Changzhou-a Esperanto-Asocio (CEA) adresita al s-ro Ukita Masaharu, prezidanto de Esperanto-Societo en Taktuski (EST) kaj mi.

Ĝi montris, ke dimanĉe, la 28-an de marto, Changzhou-a Popola Radio vizitos la asocion por konigi Esperanton kaj aktivadon de la asocio al la aŭskultantoj. Tiu programero estos aktuale elsendata inter la 11-a kaj 12-a horo kaj la respondeculo deziras, ke en la programero s-ro Zhang kaj s-ro Ukita aŭ iu alia de nia societo montru per telefono konversacion en Esperanto kiel pruvon, ke Esperanto funkcias.

S-ro Ukita havis gravan aferon en tiu tago kaj mi decidis anstataŭi lin, ĉar mi vidas s-ron Zhang kiel amikon. Mi skribis jene.

***Kara Zhang Changsheng,***

***Nakatu Masanori skribas respondon anstataŭ s-ro Ukita, ĉar li ne estos hejme en tiu tago pro grava afero, kiam okazos la radio-elsendo. Mi estos preta interparoli kun vi per telefono en la okazo.***

***Mia telefon-numero estas 072-654-9299. Japana landa numero estas 81. Kiam vi telefonos al Japanio, bonvolu forigi komencan nulon kaj anstataŭe metu 81 kiel jene 81-72-654-9299. Vi jam spertis tion antaŭe, mi kredas.***

***Mi opinias, ke vi devos prove telefoni al mi, por ke ni ne malsukcesu en la grava ŝanco konigi Esperanton al la aŭskultantoj de la radio-elsendo.***

***Antaŭtagmeze de la 25-a aŭ 26-a tago mi estos hejme. Ankaŭ vespere de la 27-a tago mi estos hejme.***

***Bonvolu sciigi al mi rete, kiam vi telefonos al mi. Vi skribu la horon laŭ japana horo.***

***Amike via***

***Maĉjo***

Ni interŝanĝis leterojn trifoje kaj provis, ke telefonado bone iras. Mi informiĝis, je kioma horo li telefonos al mi, kion li demandos min, kiom da minutoj ĝi daŭros.

La 28-an de marto je la 12-a horo kaj 30 minutoj mia telefono eksonis kiel promesite. Li salutis kaj diris, ke mi tenadu la aŭdilon ĝis li denove alparolos min. Mi aŭdadis tra la aŭdilo interparolon de Zhang Changsheng kaj anoncistino. Foje mi aŭdis voĉojn de infanoj legantajn en Esperanto, foje konatan nomon de la fondinto de CEA. Post ĉirkaŭ 15 minutoj, finfine li alparolis min. Unue mi prezentis min, due pri mia vizito al Changzhou antaŭ 20 jaroj. Fine bonvenigi aŭskultantojn al Japanio kun florantaj sakuroj. Anoncistino demandis s-ron Zhang kiel oni deziras en Esperanto por 再見 (la vortoj "Ĝis revido" en la ĉina lingvo) kaj diris al mi "Ĝis revido". Kompreneble mi redonis saluton bonhumore. Ja mi povis plenumi mian petitan kunlaboron.

Zhang Changsheng skribis, ke la elsendo sukcesis. Ili ricevis multajn telefonojn kun demandoj kiel kaj kie oni povos lerni Esperanton.

NAKATU Masanori

# Funkciuloj de la projekto

S-ro Probal DASGUPTA , prezidanto de UEA
S-ino Maritza GUTIÉRREZ GONZÁLES, estraranino de UEA pri landa kaj regiona agado
S-ro Osmo BULLER, ĝenerala direktoro de UEA
S-ro WU Guojiang, komisiito de la projekto

## Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

Redaktoro: s-ro Wu Guojiang, Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo, CN-113008, Fushun Liaoning Ĉinio; Telefono kaj Fakso:+86-413-2650322; Retadresoj: ghemelurboj@yahoo.com.cn amikeco999@21cn.com
Provlego: s-ro Robert BOGENSCHNEIDER, retadreso: robog@gmx.de